A GROUP FIVE




production

# Jen Nia Mondo



A new radio course in Esperanto, the international language.

# Jen Nia Mondo

J.C. Wells and others

An introductory series of lessons in Esperanto—the living language which aims to solve the world's language problem by becoming a second language, neutral and simple, for all mankind.




Group Five
Esperanto on radio and television
1974

Jen Nia Mondo

---

First published 1974

Reprinted 1976, 1977

Course written by J.C. Wells

Lessons based on "Esperanto for Beginners"
by Montagu C. Butler, published by the
British Esperanto Association

Dialogues written by Daphne Lister, Don Lord, Neil Salvesen

Designed by Peter Oliver

Helena - Irene Schilperoord
Petro - Karlo Bartošik
Teacher - J.C. Wells

Studio production by Peter Schilperoord
Sound recording by Acorn Audio Service

Published by Group Five
Esperanto on Radio and Television
80, Cambridge Road, Teddington, Middx., England, TW11 8DN

# How to use this booklet

If you like, familiarize yourself with the contents of each lesson before listening to the tape/broadcast. However many people think it's wiser to listen first, and to turn to the book only afterwards.

After you've heard each lesson, follow this routine:

read through the explanations

read over the text of the dialogue

refer backwards and forwards between the two as necessary, making sure you understand everything in the text

- if you have access to a recording of the lesson, play it over repeatedly without looking at the book—until you know it by heart
- if possible, act out the dialogue with a friend

do the exercises in the booklet

listen to the lesson again, if possible

# Sounds & Letters

Model your pronunciation on the voices you hear in the lessons. Esperanto has acquired a more-or-less standard international pronunciation; it is advisable to avoid too much of an "English accent".

The vowels /a, e, i, o, u/ are monophthongs (pure vowels). The diphthongs /ej, aj, oj, uj/ start at /e a o u/ respectively and glide towards an i-quality; /eŭ, aŭ/ start at /e a/ and glide towards an u-quality. All vowels should be clearly sounded.

Word stress is without exception on the last but one syllable, i.e. on the penultimate vowel.

The consonants /p, t, k, b, d, f, v, s, z, m, n, h/ are as in English (but don't use a glottal stop for /t/; /p t k/ are best unaspirated). Spelling g means a "hard" /g/, ĝ a "soft" one like English j. C stands for an affricate like ts, ĉ for one like English ch in child. Similarly, ŝ is like English sh; ĵ denotes the corresponding voiced sound, as in measure. The rare ĥ is a voiceless velar fricative, as in loch. A trill or tap is best for /r/; a "clear" lateral for /l/—be careful not to omit them after vowels. J corresponds to English y; jes has the same sound and meaning as English yes.

The correspondence between sound and spelling is exact in Esperanto. Seeing the written form of a word, you can know with certainty the way to pronounce it.





# Leciono 1 — Kafo



P Saluton, Helena!

H Saluton, Petro!

P Saluton. Helena, diru al mi, kio estas sur la tablo?

H Libro.

P Ha, jes, sur la tablo estas libro. Kaj kio estas sur la libro? Ĉu taso?

H Jes, sur la libro estas taso.

P Kaj diru al mi, kio estas en la taso?

H Kafo. En la taso estas kafo.

P Kafo en la taso...ha, jes, nun mi vidas. La taso estas sur la libro. Kaj la libro estas sur la tablo. Ĉu la kafo estas por mi?

H Ne, la kafo estas por mi.

P Ho...mi komprenas.

H Ĉu plaĉus al vi kafo?

P Nun vi komprenas. Jes, mi petas.

H Ĉu kun lakto?

P Jes, mi petas, kun lakto.

H Kafo kun lakto. Ĉu kun sukero?

P Ne, dankon. Sen sukero.

H Kafo kun lakto, sen sukero. Jen! Jen kafo por vi.

P Dankon, Helena.

H Ne dankinde, Petro



H ...Petro, kia estas la kafo?

P Bona! La kafo estas bona.

| | |
|---|---|
| saluton | hullo |
| diru al mi | tell me |
| kio | what |
| estas | is |
| sur | on |
| la | the |
| tablo | table |
| libro | book |
| jes | yes |
| kaj | and |
| ĉu | (particle used to make yes/no question) |
| taso | cup |
| en | in |
| kafo | coffee |
| nun | now |
| mi | I |
| vidas | see |
| por | for |
| ne | no, not |
| komprenas | understand |
| vi | you |
| plaĉus al vi | you would like (lit. would be pleasing to you) |
| mi petas | please (lit. I request) |
| kun | with |
| lakto | milk |
| sukero | sugar |
| dankon | thank you |
| sen | without |
| jen | here is, here you are |
| ne dankinde | don't mention it, you're welcome |
| kia | what like, of what nature, what sort |
| bona | good |

H Ĉu la kafo estas forta?
P Jes, la kafo estas forta.
H Ĉu varma?
P Jes, la kafo estas varma.
H Ĉu Petro estas kontenta? Ĉu vi estas kontenta?
P Jes, mi estas kontenta!



forta : strong

varma : warm, hot

kontenta : content, satisfied

## Notoj — Notes

IN ESPERANTO EVERY NOUN ENDS IN O.

tablo table
libro book
taso cup
kafo coffee

ESPERANTO HAS NO WORD FOR 'A' OR 'AN' (no indefinite article).

tablo table, a table
libro book, a book

THE WORD FOR 'THE' (the definite article) IS LA.

la tablo the table
la libro the book

THE WORD FOR 'AND' IS KAJ, PRONOUNCED LIKE 'SKY' WITHOUT THE S.

It is taken from Classical Greek. Note that the sound of K is always spelt k in Esperanto, since there is a regular one-to-one correspondence between sound and spelling (phoneme and letter). The Esperanto j corresponds to English 'y'. Objekto, an object, is pronounced awb-yek-taw. Stress is always on the last syllable but one: awb-YEK-taw.

THE PARTICLE ĈU (pronounced 'choo') IS USED TO CONVERT A STATEMENT INTO A QUESTION (yes/no question).

La libro estas sur la tablo. The book is on the table.
Ĉu la libro estas sur la tablo? Is the book on the table?

Kun sukero. With sugar
Ĉu kun sukero? With sugar?

Plaĉus al mi kafo. I'd like some coffee.
Ĉu plaĉus al vi kafo? Would you like some coffee?

Vi komprenas. You understand.
Ĉu vi komprenas? Do you understand?

EVERY ESPERANTO ADJECTIVE ENDS IN A.

bona good
varma warm, hot
forta strong
kontenta content, satisfied



KIO? WHAT? (Answer kio? with a word ending in o.)

Kio estas tio? What's that?
Kio estas sur la tablo? —Libro.

KIA? WHAT SORT OF? WHAT KIND OF? (Answer kia? with a word ending in a.)

Kia libro estas sur la tablo? What sort of a book is on the table?
Kia estas la kafo? What's the coffee like?

## Ekzercu vin! — Practise!

MODEL: Diru al mi, kio estas en la taso?
[Tell me, what's in the cup?]
(Kafo) — En la taso estas kafo.
[In the cup there's some coffee.]

Diru al mi, kio estas en la kafo?
(Lakto) — ......................
Diru al mi, kio estas sur la tablo?
(Taso) — ......................
Diru al mi, kio estas en la libro?
(Matematiko) — ......................

MODEL: Plena glaso [A full glass]
— La glaso estas plena.
[The glass is full.]

Bela floro [A beautiful flower]
— ......................
Bona teo [Good tea]
— ......................
Forta kafo [Strong coffee]
— ......................
Longa tago [A long day]
— ......................
Pura loko [A clean place]
— ......................
Dika muro [A thick wall]
— ......................

# Leciono 1

Kia estas la glaso? — La glaso estas plena.

Kia estas la floro?

Kia estas la teo?

Kia estas la kafo?

Kia estas la tago?

Kia estas la loko?

Kia estas la muro?





# Leciono 2 En la Sakoj

H Bonan matenon, Petro!

P Bonan matenon, Helena!

H Petro, kio estas en la sakoj?

P Libroj kaj pomoj. En la granda sako estas du libroj. Rigardu!

H Ha, mi vidas. Jen du ruĝaj libroj.

P Jes, la libroj estas ruĝaj.

H Ĉu la libroj estas novaj aŭ malnovaj?

P Ili estas novaj.

H Ĉu vi estis en la librovendejo?

P Ne, mi estis en la fruktovendejo.

H Ĉu jes? ...ho, vi ŝercas.

P Jes kaj ne. Mi estis en la fruktovendejo. En la malgranda sako estas fruktoj.

H Sed la libroj?

P Jes, mia kara. Por la libroj mi estis en la librovendejo.

H ...Ĉu en la alia sako estas fruktoj?

P Jes. Freŝaj fruktoj, pomoj kaj bananoj. La pomoj estas iom malmolaj: ili ne estas maturaj.

H Jes, ili estas ankoraŭ verdaj. Sed la bananoj estas flavaj—jes, ili estas molaj kaj maturaj.

P Ĉu plaĉas al vi frukto?

H Jes, sed ne banano; prefere pomo. Bananoj ne plaĉas al mi.

P Jen, prenu!

bonan matenon : good morning

sako : bag
-j : (plural ending)
pomo : apple
granda : big, large
du : two
rigardu : look
ruĝa : red

nova : new
aŭ : or
mal- : (prefix used to form word of opposite meaning)
malnova : old
ili : they
estis : were, have been
librovendejo : bookshop
fruktovendejo : fruiterer's
ŝercas : joke
frukto : fruit
sed : but
mia kara : my dear

alia : other

freŝa : fresh
banano : banana
iom : rather, a bit
mola : soft
matura : ripe
ankoraŭ : still, yet
verda : green
flava : yellow

prefere : preferably
plaĉas al mi : I like (lit. are pleasing to me)
prenu : take

H Dankon, jes.

P Kaj jen banano por mi. Matura, mola, flava banano tre plaĉus al mi. Jes, la gusto estas bona kaj dolĉa.

H Sed la gusto de la pomo estas malbona. Ĝi estas tute maldolĉa.

....

P La pomoj ne estas maturaj!



gusto : taste
tre : very; very much
bona : good
dolĉa : sweet
de : of
ĝi : it
tute : quite, altogether, wholly

## Notoj — Notes

TO FORM THE PLURAL OF A NOUN, ADD J. (This changes the ending o to oj, which has the sound of 'oy' in 'boy'.)

| | | | |
|---|---|---|---|
| sako | bag | sakoj | bags |
| libro | book | libroj | books |
| pomo | an apple | pomoj | some apples |

THE PLURAL ENDING J IS ALSO ADDED TO ADJECTIVES. (Remember aj oj rhymes with 'my boy'.)

| | |
|---|---|
| ruĝaj libroj | red books |
| belaj floroj | beautiful flowers |

LETTERS WITH CIRCUMFLEXES. We have already met ĉ, which corresponds to English 'ch'. Similarly, ŝ corresponds to English 'sh', and ĝ to 'j'. So ruĝa is pronounced roo-jah (and be careful NOT to pronounce it like French rouge, which ends in a consonant like English 's' in 'measure', whose Esperanto equivalent is ĵ).

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| riĉa | rich | fiŝo | a fish | saĝa | wise |
| ĉokolado | chocolate | ŝafo | a sheep | paĝo | a page |
| ĉapelo | a hat | freŝa | fresh | ĝardeno | a garden |

THE PREFIX MAL CHANGES THE MEANING OF A WORD TO THE OPPOSITE.

| | | | |
|---|---|---|---|
| nova | new | malnova | old |
| varma | hot | malvarma | cold |
| dika | thick | maldika | thin |

THUS FROM THE WORDS WHICH CAME IN LESSON ONE YOU CAN FORM

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| malforta | weak | malbona | bad | malkontenta | dissatisfied |

ESTAS CAN MEAN 'IS' OR 'ARE'.

| | |
|---|---|
| La vorto estas longa. | The word is long. |
| La vortoj estas longaj. | The words are long. |
| La banano estas matura. | The banana is ripe. |
| La bananoj estas maturaj. | The bananas are ripe. |



SOMETIMES ESTAS IS MORE APPROPRIATELY TRANSLATED 'THERE IS' OR 'THERE ARE'; AND WITH MI IT MEANS '(I) AM'.

| | |
|---|---|
| Sur la tablo estas libro. | On the table there's a book. |
| En la sako estas pomoj. | In the bag there are some apples. |
| Mi estas preta. | I'm ready. |

DE MEANS 'OF'; IT ALSO TRANSLATES THE ENGLISH POSSESSIVE.

| | |
|---|---|
| la nomo de la viro | the name of the man, the man's name |
| la libroj de Petro | Peter's books |
| la adresoj de la studentoj | the students' addresses |

## Ekzercu vin! — Practise!

MODEL: Ruĝa libro [a red book] — Ruĝaj libroj [red books]

Juna frato [a young brother] — ........................

Varma vento [a hot wind] — ........................

Granda bildo [a big picture] — ........................

Simpla tasko [a simple task] — ........................

Verda pomo [a green apple] — ........................

MODEL: alta [high] — malalta [low]

bona [good] — ............

pura [clean] — ............

longa [long] — ............

juna [young] — ............

mola [soft] — ............

riĉa [rich] — ............

freŝa [fresh] — ............

MODEL: amiko [friend] — malamiko [enemy]

aperi [appear] — ............

fermi [close, shut] — ............

ĝojo [joy, gladness] — ............

# Leciono 2

permesi [permit] — .............
levi [raise] — .............
vero [truth] — .............

Kie [where] estas la libroj? — La libroj estas sur la tablo.
Kie estas la pomoj?
Kie estas la malgranda sako?
Kie estas la kafo?
Kie estas la ĉokolado?
Kie estas la belaj floroj?

## Pattern Practice

By combining sentence elements, one from each box, you can make a large number of different sentences. Translate each sentence you create in this way.

| | | |
|---|---|---|
| La libroj<br>Du ruĝaj pomoj<br>Freŝaj fruktoj<br>La banano<br>La krajono de Helena [Helena's pencil] | estas | en la sako<br>sur la tablo<br>tie [there]<br>sur la lito [bed]<br>en la skatolo [box]<br>sur la planko [floor] |

| | | |
|---|---|---|
| La bananoj<br>La pomoj<br>La fruktoj sur la tablo<br>La faboj [beans] en la ĝardeno | estas | flavaj<br>verdaj<br>pretaj [ready]<br>malmolaj<br>maturaj<br>ankoraŭ malgrandaj |





# Leciono 3 En la Aŭto

H Rigardu, Petro! Jen kampo kun bovinoj.
P Jes, Helena, jen kampo kun bovinoj.
H Rigardu, rigardu! Apud la kampo kun bovinoj estas kampo kun ŝafoj. Ĉu vi vidas?
P Ne, Helena, mi ne vidas, efektive. Mi rigardas al la vojo—sed mi kredas, ke apud la kampo kun bovinoj estas kampo kun ŝafoj.
H Kaj jen apud la kampo kun ŝafoj estas arbaro. Ĉu ni povas halti? Tre plaĉus al mi sidi sub arbo kun vi. Ĉu plaĉus al vi sidi sub arbo kun mi?
P Jes, mia kara, tre plaĉus al mi sidi sub arbo kun vi, sed ne eblas halti apud la arbaro. Ni ne rajtas halti sur la aŭtovojo. Aĥ, ĉu vi vidas? Tiu idioto kredas, ke li estas la sola homo sur la vojo, ĉu ne?
H Eble...
P Apud li sidas virino. Ŝi estas bela, ĉu ne?
H Ne, ŝi ne estas bela; sed la ĉevalo estas bela.
P La ĉevalo?
H La ĉevalo en la kampo. Ĝi estas bela, sed vi ne rigardas.
P Mi rigardas al la vojo.
H Vi rigardas al la virino kun la idioto. Ĉu plaĉus al vi sidi sub arbo kun ŝi?
P Ne, Helena. Kompreneble ne plaĉus al mi

aŭto : car
kampo : field
bovino : cow
apud : next to
ŝafo : sheep
efektive : in fact
rigardas : look, am looking
vojo : road, way
kredas : believe
arbaro : wood
ni : we
povas : can
halti : stop, halt
sidi : sit
sub : beneath, under
arbo : tree
eblas : it is possible
rajtas : are allowed, have the right
aŭtovojo : motorway
aĥ : (interjection)
tiu : that (demonstr.)
idioto : idiot
li : he
sola : only, lone
homo : man, human being
ĉu ne : doesn't he, isn't she (etc.)
eble : possibly
virino : woman
ŝi : she
bela : beautiful
ĉevalo : horse
kompreneble : of course

sidi sub arbo kun ŝi. Plaĉus al mi sidi sub arbo kun vi.

H Sed vi kredas, ke ŝi estas bela.

P Vi estas pli bela. Ĉu vi estas kontenta?

H Jes, Petro, mi estas kontenta.

...

H Ho, Petro, rigardu! Jen kampo, kaj en la kampo estas bovinoj...

P Jes, Helena, en la kampo estas bovinoj.



pli : more (used to form comparatives)

## Notoj — Notes

THE PRESENT TENSE ENDING OF ALL VERBS IS -AS. (It is the same for all persons of the verb.)

| | |
|---|---|
| li dormas | he sleeps |
| li sidas | he sits |
| ŝi staras | she stands |
| la suno brilas | the sun shines, the sun is shining |
| mi kantas | I sing |
| vi laboras | you work |
| ni ridas | we laugh |
| ili skribas | they write |

THE PERSONAL PRONOUNS ARE:

| | |
|---|---|
| mi | I, me |
| vi | you |
| ĝi | it (pronounce 'jee') |
| li | he, him |
| ŝi | she, her |
| ni | we, us |
| ili | they, them |

TO MAKE A VERB NEGATIVE, PUT NE BEFORE IT.

| | |
|---|---|
| mi ne kantas | I am not singing, I do not sing |
| la suno ne brilas | the sun isn't shining |
| ni ne laboras | we're not working |

ĈU NE? (literally 'whether not?') IS USED TO FORM QUESTION TAGS ('isn't she?', 'can't we', 'don't they?', 'wasn't I?', etc.; compare French n'est-ce pas, German nicht wahr).

| | |
|---|---|
| Ŝi estas bela, ĉu ne? | She's beautiful, isn't she? |
| La bovinoj dormas, ĉu ne? | The cows are asleep, aren't they? |
| Li komprenas, ĉu ne? | He understands, doesn't he? |

KE IS USED TO INTRODUCE THE NOUN CLAUSE AFTER A VERB OF SAYING, THINKING, BELIEVING, AND SO ON. UNLIKE ENGLISH 'THAT', IT CANNOT BE OMITTED.

| | |
|---|---|
| Vi kredas, ke ŝi estas bela. | You think (believe) she's beautiful. |
| Li diras, ke ili laboras. | He says they're working. |



THE INFINITIVE FORM OF THE VERB ENDS IN -I.

| | |
|---|---|
| kanti | to sing |
| dormi | to sleep |
| ridi | to laugh |
| li rifuzas labori | he refuses to work |
| mi komencas kompreni | I'm beginning to understand |
| ĉu ni povas halti? | can we stop? |
| Plaĉus al mi sidi sub la arbo. | I'd like to sit under the tree (lit. it would please me to...) |

SOME PREPOSITIONS TO NOTE.

| | |
|---|---|
| al | to |
| de | of, from |
| apud | near, by, at |
| en | in |
| sub | under, beneath |
| sur | on |
| apud la vojo | by the road |
| en la kampo | in the field |
| al ŝi | to her |

THE LETTER C (WITHOUT A CIRCUMFLEX) HAS THE SOUND 'TS'. (In English, on the other hand, c sometimes has the sound of 'k', sometimes that of 's'.)

| | |
|---|---|
| paco | (pah-tsaw) peace |
| facila | (fah-tsee-lah) easy |
| laca | (lah-tsah) tired |
| dancas | (dahn-tsas) dances |
| sincera | sincere |

## Ekzercu vin! — Practise!

MODEL: La suno brilas [The sun is shining]
— Ĉu la suno brilas?
[Is the sun shining?]

La birdoj kantas [The birds are singing]
— ........................

La ĉevalo estas bela [The horse is beautiful]
— ........................

Tiu idioto ridas [That fool is laughing]
— ........................

Li estas la sola homo sur la vojo [He's the only person on the road]
— ........................

Ni estas en la kamparo [We're in the country]
— ........................

FILL THE GAP by selecting the appropriate pronoun.

Kie estas Helena? ... estas en la aŭto. (Ŝi)

Kie estas la aŭto? ... estas en la kamparo, sur la vojo.
Kie estas Petro? ... sidas en la aŭto, apud Helena.

Kie estas la bovinoj? ... estas en la kampo.
Kie estas la ŝafoj? ... estas en la alia kampo.
Kie estas la idioto? ... estas en la alia aŭto.
Kie estas la ĉokolado? ... estas en la skatolo.
Kie estas la virino? ... sidas apud la idioto.

MODEL: Ĉu li dancas? — Jes, li dancas. Ne, li ne dancas.
Ĉu la birdoj kantas?
— Jes, ili kantas. Ne, ili ne kantas.

Ĉu vi ridas? — ..............................
Ĉu la suno brilas?
— ..............................
Ĉu la noktoj [nights] estas longaj?
— ..............................
Ĉu ni rajtas halti sur la aŭtovojo?
— ..............................
Ĉu tiu idioto kredas, ke li estas la sola homo sur la vojo?
— ..............................

Ĉu mi estas prava? [Am I right?]
— Kompreneble jes. [Of course you are.]
— Efektive ne. [In fact you're not.]
— Eble.

Ĉu ŝi estas bela?
Ĉu la ĉevalo flugas?
Ĉu la suno kantas?
Ĉu la aŭto estas sur la tablo?
Ĉu la kafo estas preta?

## Pattern Practice

Create and translate!

| | | |
|---|---|---|
| Mi kredas,<br>Li diras,<br>Ĉu vi opinias,<br>[Do you think, is it your opinion]<br>Ni suspektas,<br>Ŝi ne kredas, | ke | la ĉevalo estas bela<br>la libroj ne estas pretaj<br>mi estas pli bela<br>la suno ne brilas<br>en la aŭto sidas idioto<br>la ŝafoj estas en la alia kampo<br>la studentoj ne laboras en la vespero [evening] |



| | |
|---|---|
| Ni ne povas<br>Ĉu vi povas<br>Tre plaĉus al mi<br>Ne eblas [it's not possible]<br>Helena deziras<br>Petro rifuzas<br>La idiotoj komencas<br>Mi rajtas | labori en la vespero<br>sidi sub arbo<br>flugi [fly]<br>danci<br>dormi en la tago [day]<br>rigardi al la ĉevalo<br>kanti |

| | | |
|---|---|---|
| Mi<br>Vi<br>Ni<br>Li<br>Ili<br>Ŝi<br>Ĝi<br>Petro<br>La ĉevaloj | efektive<br>eble<br>kompreneble<br>ne | laboras<br>dancas<br>ploras [weep, cry]<br>ridas<br>dormas<br>haltas apud la arbaro<br>sidas en la aŭto<br>ludas [play]<br>staras [stand] tie |



# Leciono 4 — Telefoni

**NUMERALS**

| | |
|---|---|
| unu : one | sep : seven |
| du : two | ok : eight |
| tri : three | naŭ : nine |
| kvar : four | dek : ten |
| kvin : five | cent : a hundred |
| ses : six | mil : a thousand |
| | nul : nought, zero |

P Jen la numero...ok du kvar...kvin tri ses naŭ. (Waits.) Saluton! Mi petas, ĉu mi povas paroli al Helena? —Ne, ne al baleno, al Helena. Kiu vi estas? La bestoĝardeno? Ho, pardonu, tio estas la malĝusta numero; sendube mi eraris. (Hangs up. To himself.) Jes, ok du kvar...kvin tri ses naŭ; eble mi diskis kvin tri sep naŭ. Jen, denove... ok du kvar...kvin tri ses naŭ...Saluton! Ĉu mi povas paroli al Helena? —Kial ne? Mi bedaŭras, sed ne necesas esti malĝentila... Kaj al vi, kamarado! —Mil diabloj, tio ne helpas! Eble la telefonisto povas helpi...do, cent: unu nul nul...Mi deziras paroli al mia amikino, la numero estas ok du kvar...kvin tri ses naŭ...Jes, sed la bestoĝardeno respondis. —Dankon...(Waits. Doorbell rings.) Pardonu, telefonisto, iu sonorigas ĉe la pordo. (Pause. Door opens.) Helena! Vi estas ĉi tie.

H Evidente. Saluton, Petro.

P Saluton, Helena. Mi tre ĝojas, ke vi

numero : number
paroli : speak
baleno : whale
kiu : who
bestoĝardeno : zoo
pardonu : sorry, forgive me
tio : that (demonstr. pronoun)
malĝusta : wrong
sendube : doubtless(ly)
eraris : have made a mistake
-is : (past tense ending)
diski : dial
denove : again
kial : why
bedaŭri : regret, be sorry
necesas : it is necessary
ĝentila : polite
kamarado : mate, chum
diablo : devil
helpi : help
do : so, then
deziri : wish
amikino : friend (f.)
dufoje : twice
respondi : answer
iu : somebody
sonorigi : ring (the bell)
ĉe : at
pordo : door
ĉi tie : here
evidente : obviously

ĝoji : be glad
ke : that (conj.)



venis, ĉar mi provas telefoni al vi. Momenton! Ha! telefonisto, dankon, dankon. Ĉio estas nun en ordo. (Hangs up.) Helena, mi volis paroli al vi.

H Nu, jen mi estas!



veni : come
ĉar : because
provi : try, attempt
momenton : just a second
ĉio : everything
nun : now
ordo : order
voli : want

## Notoj — Notes

THE NUMBERS FROM ONE TO TEN ARE LISTED ALONGSIDE THE TEXT OF THE DIALOGUE. (Pronounce both the k and the v in kvar and kvin. Don't omit the final r in kvar. Naŭ sounds like English 'now'.)

| | | | |
|---|---|---|---|
| du katoj | two cats | tri hundoj | three dogs |
| sep homoj | seven people | ok libroj | eight books |

11 dek unu, 12 dek du,...19 dek naŭ.
20 dudek, 21 dudek unu. 99 naŭdek naŭ.
(Dek tri = 10 + 3, two words, addition;
Tridek = 3 x 10, one word, multiplication.)

100 cent, 200 ducent. (Pronounce 'tsent')
345 tricent kvardek kvin.
1000 mil. 1975 mil naŭcent sepdek kvin.

THE PAST TENSE ENDING IS -IS.

| | | | |
|---|---|---|---|
| estis | was, were | vidis | saw |
| laboris | worked | eraris | made a mistake |
| ludis | played | venis | came |

ALTHOUGH ENGLISH HAS SEVERAL PAST TENSES, ESPERANTO HAS ONLY THE ONE. SO -IS SOMETIMES CORRESPONDS TO 'WAS -ING', 'HAVE -ED', ETC.

| | |
|---|---|
| mi eraris | I made a mistake, I have made a mistake |
| mi laboris | I worked, I was working, I have worked |

SIMILARLY, -AS CORRESPONDS TO ALL THE VARIOUS ENGLISH PRESENT TENSES.

| | |
|---|---|
| li laboras | he works, he's working, he does work |
| ŝi ludas | she is playing, she plays, she does play |
| Ĉu li venis? | Has he come? Did he come? |

KIAL MEANS 'WHY?'. THE WORD FOR 'BECAUSE' IS ĈAR (pron. 'charr').

| | |
|---|---|
| Kial vi venis? | Why have you come? |
| Mi venis, ĉar vi vokis. | I've come because you called. |
| Kial vi silentas? | Why are you keeping silent? |
| Ĉar la bebo dormas. | Because the baby's asleep. |

## Ekzercu vin!                Practise!

SAY IN ESPERANTO WORDS:

5 birdoj
8 infanoj (children)
16 ĉevaloj
70 paĝoj

3 arboj
2 seĝoj (chairs)
12 bananoj
19 jaroj (years)

---

Kiu numero venas post (after) 6?

Kiu numero venas antaŭ (before) 13?

Kiu numero venas inter (between) 7 kaj 9?

2 + 3 = 5   Du kaj tri (du plus tri) estas kvin.

---

KIOM (how many?) estas 5 + 6?

Kiom estas 4 + 9?

Kiom estas 16 + 8?

KIOM DA (how many (of)) libroj estas sur la tablo?
(Sur la tablo estas...)

Make similar questions and answers:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kiom da | ĉevaloj<br>bovinoj<br>ŝafoj<br>homoj<br>aŭtoj | estas | en la kampo?<br>inter la arboj?<br>apud la pordo?<br>sur la aŭtovojo? |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kiom da | tagoj<br>horoj (hours)<br>minutoj<br>sekundoj | estas en la | semajno (week) ?<br>monato (month) ?<br>jaro? |

| | | |
|---|---|---|
| Jen | blua (blue)<br>blanka (white)<br>bruna (brown)<br>flava<br>griza (grey)<br>nigra (black)<br>oranĝa<br>ruĝa<br>verda | aŭto!<br>birdo!<br>floro!<br>kato!<br>libro! |





## Leciono 5                Ĉe la Floristo

P  Jen la butiko!

H  Bone! Mi volas aĉeti planton por via patrino. Plantojn ŝi tre amas.

P  Kaj ne nur plantojn. Ŝi tre amas florojn. Mia patro kutime donas al ŝi ruĝan rozon je ŝia datreveno.

H  Nu! mi deziras aĉeti ankaŭ florojn.

P  Kion vi deziras? Ĉu vi volas aĉeti tulipojn aŭ violojn?

H  Mi tre amas ruĝajn tulipojn, sed la tulipoj en la butiko estas tro palaj. La violoj estas pli buntaj. Mi volas la grandajn violojn.

P  Ĉu la tigoj estas firmaj?

H  Ho jes! Kaj la folioj estas tre freŝaj. Mi deziras aĉeti grandan bukedon por via patrino. Kaj ankaŭ hiacintojn mi volas aĉeti—por <u>mia</u> patrino. Ŝi preferas hiacintojn. En la somero mi aĉetas blankajn liliojn por ŝi, kaj en la aŭtuno orajn krizantemojn.

P  Via patrino havas belan bildon de floroj en la manĝoĉambro. Mi parolas pri la bildo de narcisoj.

H  Belaj bildoj tre plaĉas al ŝi. Ŝi kolektas belajn bildojn, kaj precipe bildojn de floroj.

floristo : florist
butiko : shop
bone : good (lit. well)
-e : (ending of adverbs)
aĉeti : buy
planto : plant
-n : (accusative ending)
via : your
patrino : mother
ami : love
nur : only
floro : flower
mia : my
patro : father
kutime : usually
doni : give
rozo : rose
je : (preposition of indefinite meaning, here: on)
ŝia : her
datreveno : anniversary
nu : well; now
ankaŭ : also
kion : what (kio + n)
tulipo : tulip
violo : violet
tro : too, too much
pala : pale
bunta : colourful
tigo : stem
firma : firm
folio : leaf
bukedo : bunch, bouquet
hiacinto : hyacinth
preferi : prefer, like best
somero : summer
blanka : white
lilio : lily
aŭtuno : autumn
ora : golden
krizantemo : chrysanthemum
bildo : picture
manĝoĉambro : dining room
pri : about
narciso : narcissus
kolekti : collect
precipe : particularly

P Kiom kostas la hiacintoj?

H Ili ne tre kostas. Mi intencas aĉeti du bukedojn. Sed mian monon mi lasis en la aŭto. Ĉu vi havas?



kiom : how much, how many
kosti : cost
intenci : intend
mono : money
lasi : leave
havi : have

P Jen! Prenu.

H Dankon!

P Kaj ankaŭ mi intencas aĉeti florojn—por via mantelo.

mantelo : coat

H Ho, mia kara! Vi estas tre bonkora. Do, mi donas al vi kison.

bonkora : kind (lit. good-hearted)
kiso : kiss

P Ni nepre vizitos la florbutikon denove!

nepre : certainly, without fail

H Ha, jen! La floristo jam volvis la florojn, kaj la planton.



viziti : visit
volvi : wrap

P Bone!

H Ĉu vi pagis por la floroj por mia mantelo?

pagi : pay

P Jes, mi pagis.

.....

P Kaj nun mi volas trinki kafon. Ĉu ankaŭ vi?

trinki : drink

H Jes.



P Do, al la kafejo!

kafejo : café

H Sed unue fiksu la florojn al mia mantelo.

P En ordo—mi fiksis ilin. Ĉu vi estas kontenta?

unue : first
fiksi : fix

H Tre kontenta, mia kara.

## Notoj — Notes

CONSIDER THE SENTENCE ŜI VIDAS ('she sees'). YOU CAN ASK: KIU VIDAS? ('who sees?') AND THE ANSWER IS ŜI ('she'). ŜI IS THE SUBJECT OF THE SENTENCE, I.E. THE ONE THAT DOES THE ACTION.

BUT IT IS NOT ENOUGH TO KNOW THAT SHE SEES. WE WANT TO KNOW WHAT IS THE OBJECT (thing or person) THAT SHE SEES. THE OBJECT OF THE VERB IS MARKED BY THE ENDING N.

| | |
|---|---|
| Ŝi vidas kiuN? | She sees whoM? |
| or KiuN ŝi vidas? | Who(M) does she see? |
| Ŝi vidas liN. | She sees hiM. |
| Ŝi vidas iliN. | She sees theM. |
| Li vokas. | He calls. (Kiu vokas? Li.) |
| Li vokas ŝin. | He calls her. (Vokas kiuN? ŜiN.) |



| | |
|---|---|
| Ŝi aĉetis kioN? | She's bought what? |
| or Kion ŝi aĉetis? | What's she bought? (Planton!) |
| Planton ŝi aĉetis. | |
| Ŝi aĉetis planton. | She's bought a plant. |

(In the last example the subject, the one doing the buying, is ŝi; the object of this action is planton.)

WORD ORDER IN ESPERANTO IS FAIRLY FREE, THANKS TO THE FLEXIBILITY WHICH COMES FROM MARKING THE DIRECT OBJECT WITH -N. WE CAN PUT THE OBJECT EARLY IN THE SENTENCE FOR SPECIAL EMPHASIS, BUT YOU ALWAYS KNOW WHICH IS THE OBJECT AND WHICH IS THE SUBJECT: THE -N ON THE OBJECT IDENTIFIES IT AS SUCH.

| | |
|---|---|
| Planton! | A plant! |
| Ŝi aĉetis planton. | She's bought a plant. |
| Planton ŝi aĉetis. | (compare) A plant is what she's bought. |
| Ŝi planton aĉetis. | |

THE ENDING -N (often referred to as the ACCUSATIVE ending) IS ATTACHED TO PLURAL NOUNS JUST AS TO SINGULAR ONES, WHENEVER THE DIRECT OBJECT IS PLURAL.

| | |
|---|---|
| Mia patrino amas florojn. | My mother loves flowers. |
| (Kion ŝi amas? Florojn! | What does she love? Flowers!) |
| Florojn amas mia patrino. | |

NOT ONLY NOUNS, BUT ALSO PRONOUNS AND ADJECTIVES TAKE -N AS THE MARK OF THE DIRECT OBJECT.

| | |
|---|---|
| Mi amas vin. | I love you. |
| Mi havas ruĝan rozon. | I have a red rose. |
| Li aĉetis blankajn liliojn. | He bought (some) white lilies. |

IN FACT, ANY ADJECTIVE HAS TO AGREE WITH THE NOUN IT QUALIFIES: IF THE NOUN HAS THE PLURAL ENDING, -J, AND/OR THE ACCUSATIVE ENDING, -N, THEN SO MUST THE ADJECTIVE THAT GOES WITH IT.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Tio estas | blua | floro | That's a blue flower. |
| Ili estas | bluaJ | floroJ | They're blue flowers. |
| Mi vidis | bluaN | floroN | I saw a blue flower |
| Mi vidis | bluaJN | floroJN | I saw (some) blue flowers. |

N.B. DO NOT USE THE ENDING -N

(a) FOR THE SUBJECT OF THE SENTENCE
(b) AFTER EST-. Ĝi estas floro (not floron).
(c) AFTER AL (OR ANY OTHER PREPOSITION).

| | |
|---|---|
| Mi dankas viN. | I thank you. |
| or: Mi dankas AL vi. | |
| Li vokas niN. | He's calling us. |
| or: Li vokas AL ni. | |

# Ekzercu vin! Practise!

MODEL La folioj estas (freŝa) — La folioj estas freŝaj.

La rozoj estas (ruĝa) — ........................

La lilioj estas (blanka) — ........................

Ĉu la tasoj estas (pura)? — ........................

La libroj ankoraŭ ne estas (preta) — ........................

La butikoj estas (fermita [shut]) — ........................

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Mi<br>Li<br>Ili | manĝis<br>[ate] | pomon<br>kukon [cake]<br>panon [bread] | kaj trinkis<br>[drank] | lakton.<br>vinon [wine].<br>akvon [water]. |

MODEL
Mia patrino amas florojn.
Kion ŝi amas?
Florojn! Florojn amas mia patrino.

Mia patrino havas bildon.
Kion ŝi havas?
........................................

Mia patrino vidis arbon.
Kion ŝi vidis?
........................................

Mia patrino trinkas teon.
Kion ŝi trinkas?
........................................

Mia patro aĉetis aŭton.
Kion li aĉetis?
........................................

Helena kolektas bildojn.
Kion ŝi kolektas?
........................................

Mi manĝis tri kolbasojn. [sausages]
Kion vi manĝis?
........................................

Ili vidis mil diablojn.
Kion ili vidis?!
........................................



| | | |
|---|---|---|
| La patrino<br>Mia amiko<br>Petro kaj mi<br>Ili<br>Ni du<br>La studentoj | legas [is reading]<br>studas<br>skribas<br>detruis [destroyed]<br>aĉetis | libron.<br>gazeton [newspaper].<br>du leterojn [two letters].<br>la poŝtkartojn [postcards]. |

| | | |
|---|---|---|
| La infanoj<br>Mia patrino<br>Mi | ludas<br>preferas<br>malamas | futbalon kaj tenison.<br>kriketon.<br>viston aŭ briĝon. |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĉu | vi<br>ili<br>mi | rompis [break]<br>viŝis [wipe]<br>lavis [wash]<br>vendis [sell]<br>tuŝis [touch] | la tasojn?<br>la telerojn [plates]?<br>la kulerojn [spoons]?<br>la forkojn?<br>la tranĉilojn [knives]? |

MODEL
La floristo volvis la florojn.
Kiu volvis ilin? — La floristo.
Kaj kion li volvis? — La florojn.

Mi vizitis mian patron.
Kiu vizitis lin? — ...............
Kaj kiun vi vizitis? — ............

Mi rompis la vazon [vase].
Kiu rompis ĝin? — ................
Kaj kion vi rompis? — ............

Petro ne lernis [learn] la lecionon [lesson].
Kiu ne lernis ĝin? — .............
Kaj kion li ne lernis? — .........

Granda eksplodo [explosion] skuis [shook] la ĉambron.
Kio skuis ĝin? — .................
Kion ĝi skuis? — .................

NOTE THE INTERROGATIVE PRONOUNS KIU?, KIUN? 'WHO?' (person)
KIO?, KION? 'WHAT?' (thing).




# Leciono 6 — Kinejo

H Petro!

P Jes?

H Ĉu plaĉus al vi viziti la kinejon?

P Ĉu estas bona filmo en la kinejo?



H Mi rigardos la gazeton.

P Kiajn filmojn vi preferas?

H Vi jam scias—plaĉas al mi romantikaj filmoj. Sed vi preferas detektivajn kaj aventurajn filmojn.

P Kaj ankaŭ ridigajn filmojn.

H Do, mi serĉos romantikan, ridigan, detektivan, aventuran filmon!



P Nun vi ŝercas!

H Sendube.

P Sed serioze—kion vi volas? Ni vidos filmon laŭ via elekto.

H Ha! jen bona filmo—ĝi vere estas komika, detektiva filmo, kaj la ĉefrolulino ĉiam havas romantikan scenon.

P Kaj la nomo de la filmo?



H "La Kadavro kaj la Kato".

P Ĉu vi rememoras la filmon pri la bela domego, en kiu loĝis multaj fantomoj—"La Mistera Arbarego"? Mi tre ridis.

| | |
|---|---|
| kinejo | cinema |
| estas | (also:) there is, there are |
| filmo | film |
| gazeto | newspaper |
| kia | what sort of |
| jam | already |
| scii | know |
| romantika | romantic |
| detektivo | detective |
| aventuro | adventure |
| ridiga | amusing, comedy |
| serĉi | look for |
| ŝerci | joke |
| serioza | serious |
| laŭ | according to |
| elekto | choice |
| vera | true |
| komika | comical |
| ĉefrolulino | leading actress |
| ĉiam | always |
| sceno | scene |
| nomo | name |
| kadavro | corpse |
| kato | cat |
| rememori | remember, recall |
| domo | house |
| -eg- | (suffix magnifying meaning of root) |





H Jes, kaj mi rememoras la viron, kiu loĝis en la aĉa dometo. Li havis ruĝan nazegon.

P Vere, li havis ruĝegan nazegon! Kaj kiam venis la monstro, li kuregis for!



| | |
|---|---|
| kiu | who, which |
| loĝi | live, dwell |
| multaj | many |
| fantomo | ghost |
| mistero | mystery |
| ridi | laugh |
| viro | man |
| aĉa | wretched |
| -et- | (suffix diminishing meaning of root) |
| nazo | nose |
| kiam | when |
| monstro | monster |
| kuri | run |
| for | away |

# Notoj — Notes

THE FUTURE TENSE ENDING IS -OS. IT CORRESPONDS TO ENGLISH 'WILL', 'SHALL', 'BE GOING TO'.

| | | | |
|---|---|---|---|
| mi estos | I shall be, I'll be | ŝi venos | she will come |
| li estos | he will be, he'll be | ni kantos | we'll sing, we are going to sing |

| | |
|---|---|
| Li venos, ĉu ne? | He'll come, won't he? |
| Ĉu vi ludos kun mi? | Are you going to play with me? |

COMPARE

| | | |
|---|---|---|
| Mi rigardOS ĝin. | I'll look-at it. | (Future) |
| Mi rigardAS ĝin. | I'm looking-at it. | (Present) |
| Mi rigardIS ĝin. | I looked-at it. | (Past) |

ESPERANTO HAS A USEFUL SYSTEM OF SUFFIXES USED TO MODIFY THE MEANING OF THE ROOT TO WHICH THEY ARE ATTACHED. THUS -ET- DIMINISHES (eta = tiny), WHILE -EG- MAGNIFIES (ega = enormous).

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| domo | house | dometo | cottage | domego | mansion |
| pluvo | rain | pluveto | drizzle | pluvego | deluge |
| ploras | cries, weeps | ploretas | whimpers | ploregas | howls |
| blua | blue | blueta | bluish | bluega | deep blue |
| malsana | ill, sick | malsaneta | off colour | malsanega | at death's door |
| libro | book | libreto | booklet | librego | tome |

# Ekzercu vin! — Practise!

MODEL

Hieraŭ li kantis [Yesterday he sang]
Hodiaŭ li kantas [Today he sings]
Morgaŭ li kantos [Tomorrow he will sing]

VARY SIMILARLY, AND TRANSLATE

Hieraŭ mi telefonis
Hodiaŭ ............
Morgaŭ ............

Hieraŭ ni lavis la telerojn
Hodiaŭ ...................
Morgaŭ ...................

Hieraŭ ŝi vizitis la kinejon
Hodiaŭ ....................
Morgaŭ ....................

Hieraŭ la kato dormis sur la lito
Hodiaŭ ........................
Morgaŭ ........................

Hieraŭ vi estis malkontenta
Hodiaŭ ...................
Morgaŭ ...................

---

dimanĉo Sunday
lundo Monday
mardo Tuesday
merkredo Wednesday
ĵaŭdo Thursday (pronounce ĵ like 's' in 'measure', Fr. j)
vendredo Friday
sabato Saturday

Se [if] hodiaŭ estas mardo,
hieraŭ estis lundo, kaj morgaŭ estos merkredo.

Se hodiaŭ estas vendredo,
..............................................

Se hodiaŭ estas dimanĉo,
..............................................

Se hodiaŭ estas ĵaŭdo,
..............................................

---

STRESS ALWAYS FALLS ON THE LAST SYLLABLE BUT ONE. WHICH IS THE STRESSED SYLLABLE IN THE FOLLOWING WORDS?

| | | | |
|---|---|---|---|
| havas | (ha) | preferas | ...... |
| vizitos | (zi) | ankaŭ | ...... |
| iliajn | (li) | serioze | ...... |
| hieraŭ | (e) | historia | ...... |
| sabato | ...... | bluega | ...... |
| telerojn | ...... | merkredo | ...... |
| folioj | ...... | aŭtuno | ...... |
| romantika | ...... | apud | ...... |
| gazetoj | ...... | krizantemo | ...... |
| kiam | ...... | ĉefrolulinon | ...... |



MODEL Kiam ŝi venis?—Hieraŭ; ŝi venis hieraŭ.
Kiam ŝi iros [go]?—Morgaŭ; ŝi iros morgaŭ.

Kiam vi skribis? —....................
Kiam vi telefonos?—....................
Kiam vi iros al Parizo?
—....................
Kiam vi manĝis oranĝon?
—....................
Kiam vi aĉetis florojn?
—....................
Kiam vi vizitos vian patrinon?
—....................

Kiam vi skribos vian eseon?
Kiam vi vendis la librojn?
Kiam vi respondos la leterojn?
Kiam vi vidis la filmon?

---

ESPERANTO WORD ORDER IS VERY MUCH MORE FLEXIBLE THAN ENGLISH. THUS

Hodiaŭ mi restas en la biblioteko. Today I am staying in the library.

HAS THREE ALTERNATIVE WORD ORDERS IN ESPERANTO, BUT ONLY ONE IN ENGLISH.

Mi hodiaŭ restas en la biblioteko. I am staying in the library today.
Mi restas hodiaŭ en la biblioteko.
Mi restas en la biblioteko hodiaŭ.

(STILL FURTHER POSSIBILITIES ARISE IF WE PUT en la biblioteko BEFORE THE VERB.)

SO THE FACT THAT A NOUN FOLLOWS THE VERB DOES NOT NECESSARILY MEAN THAT IT IS THE DIRECT OBJECT. IN THE FOLLOWING TABLE THE SUBJECT COMES AT THE END.

| | |
|---|---|
| Plaĉas al mi | romantikaj filmoj.<br>oranĝoj kun sukero.<br>bestoĝardenoj. |
| Okazis [happened] | nenio [nothing].<br>subita [sudden] eksplodo.<br>katastrofo. |
| Restis [remained, were left] | pomo kaj oranĝo.<br>nur [only] du libroj.<br>multaj kukoj.<br>tri floroj. |

# Leciono 6

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kian | libron<br>infanon<br>katon | vi amas? | — Puran.<br>— Bonan.<br>— Malgrandan. |
| Kiajn | librojn<br>infanojn<br>katojn | vi amas? | — Purajn.<br>— Bonajn.<br>— Malgrandajn. |





# Leciono 7 Ĉe la Hotelo

H Petro, ĉu tiu hotelo estas bona?

P Ne, Helena, tiu hotelo ne estas tre bona. Sed ĉi tiu hotelo estas bonega. Mi vespermanĝis ĉi tie antaŭ tri monatoj kun mia familio.




H Ĉu plaĉus al vi veni kun mi por rezervi ĉambron en ĉi tiu hotelo?

P Helena, vi ŝercas! Kion vi volas diri?

H Ho! Petro, vi miskomprenis min! Mi ne volas rezervi ĉambron por ni, kompreneble.

P Do por kiu?

H Hieraŭ mia patrino ricevis leteron de mia onklo...



P Vi havas du onklojn, ĉu ne? Ĉu la letero venis de tiu, kiu loĝas en Usono, aŭ de tiu, kiu loĝas en Francujo?



H Ĝi venis de tiu mia onklo, kiu loĝas en Usono, kaj li alvenos post du semajnoj en Anglujo. Kompreneble, li vizitos nin, sed li restos en hotelo, ĉar nia domo estas jam plena.

P Ni rezervos la ĉambron nun. Kiom da noktoj via onklo volas resti? Ĉu vi scias, kion li skribis pri tio?

H Li restos ĉi tie kvar noktojn.

P Bone, mi venos kun vi por paroli al la estro de la hotelo.



.....

| | |
|---|---|
| hotelo | hotel |
| ĉi tiu | this |
| vespermanĝi | dine (lit. evening-eat) |
| antaŭ tri monatoj | three months ago (lit. before three months) |
| familio | family |
| por ...-i | in order to, to |
| rezervi | reserve, book |
| ĉambro | room |
| voli diri | mean (lit. want to say) |
| mis- | mis- |
| hieraŭ | yesterday |
| ricevi | receive |
| letero | letter |
| de | of, from |
| onklo | uncle |
| tiu,kiu | the one who |
| Usono | the United States |
| Francujo | France |
| alveni | arrive (al + veni) |
| post du semajnoj | in two weeks time (lit. after two weeks) |
| Anglujo | England |
| resti | stay |
| plena | full |
| kiom da | how many |
| estro | boss, manager |

H Bonan matenon!

ESTRO Bonan matenon, fraŭlino.

H Ĉu vi havas liberan ĉambron? Mi volas rezervi ĉambron kun bano por mia onklo, kiu venos post du semajnoj kaj restos kvar noktojn. Kiom tio kostos?

E Kvin pundojn por unu nokto, fraŭlino.

H Do, la nomo estas sinjoro Frank Braŭn. Mia patrino konfirmos tion al vi per letero. Bone, dankon sinjoro.

E Dankon, fraŭlino

H Ĝis revido.

E Ĝis revido, fraŭlino.

fraŭlino : Miss
libera : free
bano : bath
pundo : pound (£)
sinjoro : Mr
konfirmi : confirm
ĝis revido : goodbye (lit. until again-seeing)





## Notoj — Notes

KIO 'WHAT'; TIO 'THAT (as a whole)'.

| | |
|---|---|
| Kio estas tio? | What's that? |

KIU 'WHICH (one)'; TIU 'THAT (one)'—I.E. WHICH/THAT PARTICULAR THING OR PERSON AS DISTINCT FROM OTHERS.

| | |
|---|---|
| Kiun pomon vi preferas? | Which apple do you prefer? |
| Mi elektis tiun. | I've chosen that one. |
| Mi malamas tiun viron. | I hate that man. |
| Kiun libron vi legas? | Which book are you reading? |
| Mi uzos tiun plumon. | I'll use that pen. |

KIU, STANDING ALONE, AND MEANING 'WHO' (lessons 4,5), CAN BE CONSIDERED SHORT FOR KIU PERSONO.

| | |
|---|---|
| Kiu (persono) parolas? | Who's speaking? |

TO EXPRESS THE MEANING 'THIS' RATHER THAN 'THAT', WE ADD THE PARTICLE ĈI (thus ĉi tiu 'this, this one'). ĈI BEFORE (or after) ANY TI-WORD BRINGS IT NEAR.

| | | | |
|---|---|---|---|
| tie | there, in that place | ĉi tie | here, in this place |
| tio | that, that thing | ĉi tio | this, this thing |
| tiu | that one | ĉi tiu | this one |



TIUJ 'THOSE'; ĈI TIUJ 'THESE'. (Pronounce TEE-ooy, as in '(I can) see (y)ou ea(ting)'.)

| | |
|---|---|
| tiuj viroj | those men |
| ĉi tiuj viroj | these men |
| Mi legis tiujn librojn. | I've read those books. |

TO FORM THE POSSESSIVE ADJECTIVES, WE SIMPLY ADD THE ADJECTIVE ENDING -A TO THE PRONOUN. THE WORD FOR 'I' IS MI; SO 'MY' OR 'MINE' IS MIA.

| | | | |
|---|---|---|---|
| (ni | we) | nia | our, ours |
| (vi | you) | via | your, yours |
| (li | he) | lia | his |
| (ŝi | she) | ŝia | her, hers |
| (ĝi | it) | ĝia | its |
| (ili | they) | ilia | their, theirs |

THESE WORDS TAKE -J AND -N ENDINGS JUST LIKE OTHER ADJECTIVES. (But note that the article, la, and the numerals do not: they are invariable.)

| | |
|---|---|
| miaj mapoj | my maps |
| viaj amikoj | your friends |
| lian domon | his house (accusative) |
| ŝiajn fratojn | her brothers (accusative) |

## Ekzercu vin! — Practise!

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kion | vi<br>li | vidis?<br>manĝis?<br>tuŝis?<br>aĉetis?<br>havas? | — Pomon!<br>— Kukon!<br>— Kolbason!<br>— Kvar tomatojn!<br>— Freŝan panon! |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kiun | libron<br>poŝtkarton<br>leteron<br>eseon [essay] | Petro<br>li kaj ŝi<br>vi<br>ni du<br>la viroj<br>Helena<br>via onklo<br>s-ro Braŭn [Mr] | legis?<br>elektis?<br>vendis?<br>studis?<br>preferas?<br>analizos? [analyse]<br>trovis [found] en la ĝardeno? |
| Kiujn | librojn<br>poŝtkartojn<br>leterojn<br>gazetojn | | |

MODEL Mia patro vespermanĝis en tiu hotelo.

—Kie? —En tiu hotelo.

—Kiu? —Mia patro.

Sinjoro Braŭn restos kvar noktojn en ĉi tiu urbo [town].

—Kie? —..............

—Kiu? —..............

Mia amiko estas en Usono.

—Kie? —..............

—Kiu? —..............

Tiu idioto sidas sub la tablo.

—Kiu? —..............

—Kie? —..............

| | | | |
|---|---|---|---|
| Tri katoj<br>La birdoj<br>Simio<br>[a monkey] | saltis [leapt]<br>kuris [ran] | de [from] | la alta arbo.<br>branĉo al branĉo.<br>unu flanko al la alia<br>[one side to the other]. |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| La rivero [river]<br>Multaj riveroj<br>Tiu rivereto<br>Rejno [the Rhine] | fluas<br>[flows] | de | Svislando<br>[Switzerland]<br>la montoj<br>[mountains] | al | la maro [sea].<br>Rotterdam.<br>la valo<br>[valley]. |

**RESPONDU!**

Kiu vi estas?
Kie vi loĝas?
Kion vi legas?
Kiun vi amas?
Kiom da fratoj vi havas?






# *Leciono 8* — La Butikoj

H Saluton, Petro. Vi staras kiel statuo; kion vi faras?

P Mi provas memori liston. Mia patrino malsanas, kaj ŝi petis min iri al la butikoj por ŝi. Ŝi donis al mi grandan liston, sed mi lasis ĝin hejme.

H Kion vi devas ankoraŭ aĉeti?

P Jen la problemo, Helena. Mi forgesis ion, sed mi ne povas memori, kion mi forgesis.

H Eble mi povos helpi vin. Mi esperas, ke la malsano de via patrino ne estas grava.

P Vere, mi kredas ke ne. Sed ŝi certe estas tro laca por veni al la butikoj. Mi jam iris al la apoteko por aĉeti la medikamenton, kiun la kuracisto preskribis por ŝi; kaj mi aĉetis panon ĉe la bakisto kaj kolbasojn ĉe la buĉisto.

H Ĉu ŝi petis vin aĉeti ion ĉe la laktisto? Ekzemple, lakton, buteron, aŭ fromaĝon?

P Ne, la laktisto portas lakton al la domo, kaj mi trovis buteron en la memserva vendejo.

H Kaj mi scias, ke via familio ne ŝatas fromaĝon. Ĉu eble ŝi bezonas skribpaperon kaj kovertojn?

P Ne—sed mi mem bezonas novan skribilon, ĉar mi perdis mian plumon. Poŝtmarkojn mi jam aĉetis. Kaj mi jam iris ankaŭ al

| | |
|---|---|
| stari | stand |
| kiel | as, like |
| statuo | statue |
| fari | do, make |
| memori | remember |
| listo | list |
| malsani | be ill |
| iri | go |
| hejme | at home |
| devi | have to, must |
| ankoraŭ | still |
| problemo | problem |
| forgesi | forget |
| io | something |
| povi | be able, can |
| esperi | hope |
| malsano | illness |
| grava | serious, important |
| kredas ke ne | don't think so (lit. believe that not) |
| laca | tired |
| apoteko | chemist's |
| medikamento | medicine |
| kiun | which (kiu + n) |
| kuracisto | doctor |
| preskribi | prescribe |
| pano | bread |
| baki | bake |
| kolbaso | sausage |
| buĉi | butcher |
| ekzemple | for instance |
| butero | butter |
| fromaĝo | cheese |
| porti | carry, bring |
| trovi | find |
| memserva | self-service |
| ŝati | like |
| bezoni | need |
| skribpapero | writing-paper |
| koverto | envelope |
| mem | myself, yourself, etc. |
| skribilo | writing instrument |
| perdi | lose |
| plumo | pen; feather |
| poŝtmarko | postage stamp |

